## *47th ANNUAL EANA CONGRESS, NEWARK, N.J.*

*The Big 1957 Esperanto Congress.* Make your plans for attendance June 28 to July 1, at the newly built YM-YWCA in Newark, New Jersey. The Esperanto Association of New Jersey, official affiliate of EANA, has plans for a truly great occasion. Accomodations have been secured, and we look forward to seeing YOU there. Details and photo will be printed in the March-April number of Amerika Esperantisto.

***Nominations Committee of EANA:*** Two Associate Directors of the Board of Directors are to be elected this year. At present *Mr. J. Henry Kruse, Jr.,* of New Jersey, who was appointed by the Board in October 1956, is serving as one of the Directors; and there is a vacancy in the Canadian directorship. Please send all suggestions for candidates by April 1st, to *Miss Mary Marrett, Chairman of the Nominations Committee, 40-43 Gleane St., Elmhurst, N. Y.*

***Members of the Sustaining Board:*** Your officers of EANA are justly proud of our Sustaining Board Members (see inside front cover of each issue of AE). They not only aid the Association greatly by their participation in support, but they demonstrate to those who can give even larger sums that our Association helps itself in fair measure. Most members contribute $3 per month, a few give $10 or more a month. New blood is constantly needed to keep the list in good number. Won't *YOU* decide now to join the Sustaining Board for the year 1957?

***Esperanto: The World Interlanguage.*** – Note that the price of this popular and successful *Esperantistigilo,* in glazed paper covers, has been reduced from $1.50 to $1.25 for individual orders. And for quantity orders – for promotion or class use – five or more copies at only $1.00 each. The manual is a proven "Esperantist-maker", and in line with our new lower-price policy we wish to feature this book for general use by our members. Cloth bound edition, $3.00 each.

***Universala Esperanto-Metodo by Dr. Benson:*** Does anyone have a copy or copies in good condition, or even in used condition, which they would exchange for other valuable books, or sell to EANA, even at premium prices, to provide a few new members with the book? If so, please write to the Central Office. It will be appreciated.

***"American Esperanto Magazine" in the Public Libraries:*** Many of our members have recognized the importance of the AE in Public Libraries and have generously contributed for that purpose. The following members have recently paid for gift subscriptions: *Dr. L. K. Beecher* (10), *C.C.Cummingsmith, S.M.* (10), *V. Bruder* (6), *Dr. Lee-Min Han* (10), *A. Romito* (1), *A. Greene* (2), *Peter Tan* (3). Now at the beginning of the new year we trust that all those who gave gift subscriptions last year will continue this important promotion effort by renewing again for this year. And to all members we suggest that you send at least one subscription to a library. A library gift subscription costs only $1.00.

## REZULTO DE LA KONKURSO PRI VARBADO DE NOVAJ MEMBROJ

LA ĉijara konkurso pri varbado de novaj membroj por EANA estis same kontentiga kiel la pasintjara. En kelkaj rilatoj, ekz. la nombro de partoprenintoj, la socia stato de la varbitoj, ilia aktiva enviciĝo en por-Esperantan laboron, la kampanjo eĉ superis la pasintjaran. Antaŭ ol doni finan rezulton de la konkurso, ni listigos ankoraŭ la atingitaĵojn dum la lasta monato 1956. Novajn membrojn do varbis: *D.Walton* (2); *F. Hoekstra* (2); *Amelia Dresdner* (1); *Helen Walton* (3); *G.A.Corson* (1); *R.W. Powell* (1).

La fina tabelo de la kvin venkintoj, kiuj varbis plej multe da novaj membroj por EANA kaj gajnis libropremion estas jena: *J. Henry Kruse* (17); *Robert W. Powell* (16); *Donald F. Walton* (8); *Graham E. Fuller* (7); *D-ro William Solzbacher* (7). Kompare kun la pasinta jaro, la unuaj kvin kune varbis la saman nombron da novaj membroj (55). El la pasintjaraj venkintoj nur unu estas inter venkintoj de ĉi tiu jaro: S-ro Kruse, kiu pasintjare okupis la duan lokon, varbinte 12, kaj ĉijare la unuan, varbinte 17 novajn membrojn. Kiel dum la pasinta jaro, tiel ankaŭ dum la ĉi tiu, la venkintoj sukcesis pro la artikoloj en gazetoj, tiel nomataj "Leteroj al la Redaktoro". Kiel efikaj ili estas, estu pruvo la fakto, ke eĉ nun venas informpetoj pri Esperanto pro artikoloj en "Holiday" kaj "Life" aperintaj antaŭ preskaŭ unu jaro!

Per ĉi tiu n-ro de AE ni komencas novan jaron kaj novan konkurson en la kampanjo "Ĉiu Membro Varbu Unu Novan Membron". Ni povas noti jam tri novajn membrojn, kiel rektan rezulton de la propagando de jenaj niaj membroj: *J.J.Hutchens* (1); *R.W.Powell* (1); *A.Bartosz* (1). S-ro Bartosz certe surpriziĝos trovinte sian nomon sur la listo, sed antaŭ kelkaj tagoj aliĝis al EANA unu sinjoro pro artikoleto de s-ro Bartosz, kiun li publikigis en "Gwiazda Polarna" ankoraŭ en junio 1955!

La varbado per "Leteroj al Redaktoro" estas plej simpla kaj plej efika maniero de propagando. Ĝi ne postulas monelspezon, ne necesas iu speciala kapableco de verkisto aŭ propagandisto, sed bezonas nur simple la emon kaj iom da peno kopii la modelon, kiun al ĉiu petanto sendos la Centra Oficejo. Ni apelacias al nia membraro: plenumu minimumon por propagandi Esperanton en nia lando, skribu almenaŭ unu leteron al iu gazeto!

---

*Ekstraj kontribuoj al la Subtena Kaso* estas ricevitaj lastatempe de la sekvantaj membroj: *A.Romito* $1.40, *J.J.Hutchens* $4, *A.Moiseman, D.Scott, John M.Robinson, A.H.Stevens.* Sinceran dankon al ĉiuj.

*Membro-Patronoj de EANA.* Koran dankon al la jenaj personoj, kiuj lastatempe renovigis siajn membrecojn en la alta kategorio de Patrono: *George W.Bailey, Rev.M.Whipple Bishop, Gerald L.Boulett, Boris Christoff, Reginald H. Colley, Dr. L. A. DeVilbiss, Allen Hutcheon, Konrad Kail, S-ino Rubey Kelber, Russell R. Lambert, Marie Maffey, Mary Marrett, Rita B. Martinez, Paul E. Nace, Andrew O'Reilly, D. W. Pittman, Grace Randolph, Wilfred E. L. Todd, Frank W. Vedder, Elsie Yunghans, Pauline Ziobro.*

## MEMORE AL D-RO STANISLAV KAMARÝT

***William Solzbacher***

"Mi legis vian artikolon (pri "Esperanto kaj la Fera Kurteno")... en Amerika Esperantisto kun sincera intereso kaj gratulas vin pro eminenta kono de la situacioj... La kritiko de Heroldo kaj UEA estis naiva. La verkintoj ne spertis, kion signifas Hitlerana premo, eĉ se Jung havis en sia oficejo Hitler-portreton. Vi spertis kaj mi spertis, tial mi tiom bone komprenas vian sintenon... Laŭ mia opinio oni ne rajtas esti neŭtrala al malbono kaj al krimo. Almenaŭ se oni povas iel agi." Tion skribis D-ro Stanislav Kamarýt, redaktoro de la ĉekoslovaka gazeto *Esperantista* kaj iama Prezidanto de la Ĉekoslovaka Esperanto-Asocio en unu el la leteroj, kiujn li sendis al mi en 1952, malgraŭ la cenzuro de la komunista reĝimo, kies tiranecon li profunde malamis.

Stanislav Kamarýt mortis, preskaŭ 73-jara, la 30-an de Julio 1956. Legante pri lia malapero, mi rememoris lin tiel, kiel li montris sin en la leteroj kaj poŝtkartoj ricevitaj de li dum la pasintaj dek jaroj. Li estis Esperanto-pioniro laboranta kun sistemo kaj persisto, akra observanto, serioza amiko de scienco, literaturo kaj kulturo, vera demokrato, nobla homo. Ne ignorante la necesecon esti singarda, li estis tre kuraĝa, kiam li opiniis, ke la risko valoras la penon.

Mi neniam renkontis D-ron Kamarýt persone. Lian nomon mi legis unue en raporto pri la 13-a Universala Kongreso de Esperanto en Praha, en 1921, kies Prezidanto li estis.La kongreso estis unu el la plej brilaj kaj gravaj en la historio de nia movado. En postaj jaroj mi de tempo al tempo ricevis poŝtkarton aŭ leteron de li, kun demandoj aŭ rimarkoj pri iuj detaloj. Nur post la Dua Mondmilito la leteroj fariĝis pli oftaj kaj pli intimaj.

D-ro Kamarýt estis granda amiko de nia gazeto *Amerika Esperantisto.* Plaĉis al li la tipografia aranĝo, la maniero, en kiu novaĵoj estas prezentataj en la rubriko "Esperanto In Action – Around the World", kaj kelkaj el miaj artikoloj pri la lingva problemo en la internacia vivo kaj pri lingvaj kaj etimologiaj temoj. Li zorge legis ne nur la Esperantan, sed ankaŭ la anglalingvan parton de nia gazeto kaj esprimis plezuron pri la fakto, ke mi legis ankaŭ la ĉekan parton de *Esperantista.* Iam li skribis, eble duonŝerce: "La redaktoroj de Amerika Esperantisto ŝajnas esti la solaj, kiuj vere legas la gazetojn ricevitajn interŝanĝe..."

Kamarýt tradukis kelkajn el miaj artikoloj el la angla en la ĉekan lingvon kaj publikigis ilin en *Esperantista,* kelkfoje sub mia nomo kaj kelkfoje anonime. Li represis diversajn el miaj artikoloj verkitaj en Esperanto.

Post Februaro 1948, kiam la komunistoj starigis diktatorecon en Ĉekoslovakujo kaj faris la landon fakte rusa kolonio, la leteroj de D-ro Kamarýt ofte enhavis amarajn rimarkojn pri tio. Parolante pri la komunistoj, li nomis ilin "Hitleranoj". Aludante pri kondiĉoj sub la ruĝa reĝimo, li uzis la esprimon "kiaj estas la aferoj en nia lando" aŭ "kiaj estas ni en nia lando". Tio signifis: "Vi ja scias, kia estas la politika situacio en nia lando, tial..."

Lin ĉagrenis la fakto, ke sendaĵoj kelkfoje "perdiĝis" en la poŝto. Petante sendon de nova ekzemplero, li ĉiam petis pardonon pro tiu "al-

trudemo". Lin interesis mia traduko de la Universala Deklaracio de Homrajtoj. Ricevinte kelkajn ekzemplerojn por disdono, li rimarkigis malĝoje, kiom tiuj homrajtoj mankas en "certaj landoj". Kiam mi sendis al li ekzempleron de la anglalingva Bulteno de la Unuigitaj Nacioj kun fotografaĵo de diverslingvaj eldonoj de la Deklaracio, inter ili la Esperanto-traduko publikigita de *Amerika Esperantisto*, li skribis al mi, ke li legis ankaŭ "la alian enhavon" de la Bulteno kun granda intereso kaj ke li estus danka al mi, se mi povus sendi al li ekzempleron de tempo al tempo, ĉar tiaj publikigaĵoj tute ne estas troveblaj en lia lando.

Kiam *Amerika Esperantisto* publikigis specialan eldonon pri Teknikaj Vortaroj en Esperanto kaj mi demandis lin, ĉu ekzemplero de lia Filozofia Vortaro (publikigita en 1934 en la eldonejo de Moraviaj Esperanto-Pioniroj en Olomouc) estas ankoraŭ havebla, li informis min, ke oni ne povas sendi libron el Ĉekoslovakujo sen speciala permeso de la aŭtoritatoj, sed ke li petos permeson por sendi la libron al mi. Li vere sukcesis, kaj post kvar aŭ kvin monatoj la verko fine atingis min. Ĝi enhavis dokumenton, kiu montris, ke la sendado estis tre komplikita afero.

Kiam *Amerika Esperantisto* publikigis artikolojn pri "Esperanto kaj la Fera Kurteno" (ekzemple "Esperanto and the Iron Curtain" en Septembro-Oktobro 1951, "It Happened in Prague" en Majo-Junio 1952, "It Happened in Prague – and in Peking" en Novembro-Decembro 1952), D-ro Kamarýt ĉiufoje skribis al mi, konfirmante la akuratecon de la artikolo kaj kelkfoje aldonante pluajn informojn kaj detalojn. En Majo-Junio 1952 mi skribis en AE, ke miaj konkludoj estis bazitaj sur "zorga analizo de ĉiuj faktoj kaj dokumentoj, inter ili konsiderinda nombro da leteroj el Ĉekoslovakujo". La listo de la leterskribintoj estus tre impresa kaj mirigus kelkajn el tiuj, kiujn D-ro Kamarýt nomis "naivaj". Mi nun ne plu bezonas kaŝi la fakton, ke D-ro Kamarýt estis unu el ili, eĉ unu el la du aŭ tri plej eminentaj. De la pure Esperantista vidpunkto li estis la plej eminenta.

Stanislav Kamarýt lernis Esperanton en 1900. En 1902 li estis unu el la fondantoj de la Esperantista Klubo en Praha. Li faris la unuan publikan prelegon pri Esperanto en Praha. Tio okazis en 1904 en la Virina Klubo. Kamarýt tiam estis universitata studento kaj Sekretario de la Esperantista Klubo. En 1908 li fariĝis redaktoro de la gazeto *Bohema Esperantisto – Česky Esperantista*. Li fariĝis la Ĝenerala Sekretario kaj poste Prezidanto de la Bohema Asocio Esperantista. Post la sendependiĝo de la Ĉekoslovaka Respubliko li fariĝis Vicprezidanto kaj (en 1930) Prezidanto de la Ĉekoslovaka Asocio Esperantista. Li estis kunredaktoro de *La Progreso*, verkis multajn artikolojn kaj broŝurojn, la Slovakan Esperanto-Ŝlosilon (en 1929), kaj la Filozofian Vortaron (en 1934). Li serioze klopodis pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Li estis unu el la du redaktantoj de la bonega kaj impona *Ĉehoslovaka Antologio*, kunlaboris en la gazeto *Literatura Mondo* kaj en la *Enciklopedio de Esperanto*, estis membro de la Lingva Komitato kaj poste de la Akademio de Esperanto. Laŭ profesio D-ro Kamarýt estis instruisto kaj poste direktoro de duagrada lernejo.

Mi proponis al la redaktoro de *Amerika Esperantisto*, publikigi fotokopiojn de du el la leteroj de D-ro Kamarýt. En unu el ili li mencias la bultenon "Problemoj", kiun eldonis en Usono kelkaj rifuĝintoj el Orienta

Eŭropo por diskuti kaj kontraŭbatali komunistajn influojn en la Esperanto-movado. Mi ne scias, ĉu D-ro Kamarýt ricevis numerojn de la bulteno aŭ ĉu li nur legis pri ĝi. Ŝajne li pensis, ke mi havis ian rilaton al la bulteno. Fakte nek mi (kiu tiam estis Prezidanto de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko) nek aliaj estraranoj de EANA kunlaboris. La mencio de "Problemoj" en la letero de D-ro Kamarýt klare montras, pri kiuj "Hitleranoj" li volis paroli. Pri neŭtraleco al la "malbono kaj krimo" de la komunismo li esprimis fortan konvinkon.

Tio, kio okazis antaŭ nelonge en Hungarujo, kaj signoj en aliaj landoj troviĝantaj sub komunista reĝimo pruvas, ke la grandega plimulto de la popolo en tiuj landoj malamas la tiranecon. Uzado de Esperanto por propagandi tiujn reĝimojn servas nek la veron nek la interesojn kaj dezirojn de la subpremataj popoloj. Feliĉe ni scias, ke la plimulto de la Esperantistoj malantaŭ la fera kurteno kontraŭstaras mensogojn kaj tiranecon — kiel D-ro Kamarýt, kies memoron ni honoras kun respekto kaj admiro.




*Sur koverto de letero de D-ro Kamarýt oni rimarkas maldekstre manskribitan noton de poŝtoficisto: "prodáno ve přepážky č. 5" ("transdonita ĉe giĉeto n-ro 5"). Leteroj al eksterlandaj adresoj ne povis esti ĵetataj en poŝtkeston, sed devis resti malfermitaj kaj esti mane transdonataj en poŝtoficejo al la oficisto, kiu ekzamenis la enhavon antaŭ ol fermi la koverton. Tio estis tre riska por D-ro Kamarýt, ĉar la letero enhavis gratulon al Amerika Esperantisto pro artikolo pri "Esperanto kaj la Fera Kurteno."*

SVAZ ESPERANTISTU
ČESKOSLOVENSKÉ REPUBLIKY

Praha XIX, Uralské náměstí 9

Adresa pro dopisy:
Praha XIX/7, poštovní přihrádka 7035
Návštěvy:
Praha II, Malá Štěpánská 7
Telefon 330-14
Účty poštovní spořitelny:
Číslo 9602 pro členské příspěvky a svazový časopis
Účet knihkupectví číslo 12... pro všechny objednávky

Praha Chotěboř 28.IV.1950.

Al s-ro Dr.W.Solzbacher
11 New Ave Yonkers /N.Y./

Račte vždy uvésti v odpovědi!

Tre estimata amiko,

mi represis Vian artikolon "Kion ni manĝu" el A.E. en nia organo "Esperantista" n-ro 3 kaj mi petas Vin konsenti pri tio kaj akcepti mian dankon anticipe. Mi sendigis al Vi 3 ekzemplerojn de la koncerna numero.

Kaj kiaj estas ni en nia lando, mi venas kun peto: Mi ne scias kiel, sed la numero de Amerika Espisto kun Via artikolo pri teknikaj vortaroj ne atingis nin aŭ min. Mia enketo en Praha ĉe nia administracio restis senrezulta. Ĉu Vi ne povus sendi al mi unu ekzempleron de tiu numero ? Al mia adreso en Chotěboř. Pardonu mian altrudemon.

Amike salutas Via

Dr Stan. Kamarýt
en Chotěboř 853, Ĉeĥoslovakio.

Kamarýt

ESPERANTISTA

REVUO POR ESPERANTO EN ĈEĤOSLOVAKIO
OFICIALA ORGANO
DE ESPERANTO-ASOCIO EN ĈEĤOSLOVAKA RESPUBLIKO

REDAKTORO D-RO STANISLAV KAMARÝT
CHOTĚBOŘ 853

CHOTĚBOŘ 853 9.IV.1952.

Kara doktoro Solzbacher,

mi legis vian artikolon anglalingvan en oktobra n-ro de A.E. kun sincera intereso kaj gratulas vin pro eminenta kono de la situacioj. Vi certe jam rimarkis, ke nia revuo nek E-Servo nek Esperantisto Slovaka xpxxxx ne aperas plu xxxxx depost la 31-a decembro 1951. Mi tion bedaŭras tre, ĉar ĝi signifos finon de organizita movado en nia lando, eĉ se nia Asocio ankoraŭ ekzistas.

Mi tre bedaŭras, ke "Problemoj" ne aperas. La kritiko de Heroldo kaj de UEA estis naiva. La verkintoj ne spertis , kion signifas Hitlerana premo , eĉ se Jung havis en xxx sia oficejo Hitler-portreton. Vi spertis kaj mi spertis, tial mi tiom bone komprenas vian sintenon. Laŭ mia opinio sukceso de Hitler rezultis a n k a ŭ el tio, ke la demokrataj fortoj ekstre Germanujo neniel helpis nek provis helpi al la demokratoj germanaj. Oni povas diri, ke la germanaj demokratoj ne petis pri helpo. Sed nun mi vidas, ke ili havis nenian eblecon eĉ por peti tian helpon. La sola eblego estis forkuri. Sed fugi povis malmultaj, kaj la fugintoj neniel povis helpi al la restintoj. La "Problemoj" povis laŭ mia opinio iniciati diskuton kaj disputon pri neutraleco. Ĝi estus tre utila, laŭ mia opinio oni ne rajtas esti neutrala al malbono akj al krimo. Almenaŭ se oni xxx povas iel agi.

Kaj permesu peton: ĉu vi povus kaj volus diri al mi sincere vian opinion pri mia redaktado de "Esperantista". Ĉu nia sinteno tamen iom helpis al esperantista movado ĝenerale ?

Mi salutas vin respektplene

via

Kamarýt

*Leteroj de D-ro Kamarýt skribitaj sub la komunista diktatoreco estis klaraj kaj kuraĝaj: "Mi gratulas vin pro eminenta kono de la situacioj... La kritiko de Heroldo kaj UEA estis naiva... Oni ne rajtas esti neŭtrala al malbono kaj al krimo."*

## D-RO F. W. BRETH MORTIS

Forpasis el niaj vicoj veterana kaj aktiva samideano, *D-ro Ferdinand W. Breth,* pro subita malsaniĝo en sia hejmo en Nov-Jorko je la 8a de Januaro. Li mortis en ambulanco survoje al hospitalo. D-ro Breth havis 70 jarojn. Li estis internacie konata ne nur pro sia aktiveco en la Esperanto-movado, sed ankaŭ pro sia eminenteco kiel kemiisto precipe pri petrolo. Li estis vic-prezidanto kaj teknika direktoro de L. Sonneborn Sons, Inc.

D-ro Breth naskiĝis en Bohemio kaj ricevis sian edukon en Eŭropo. Post laboro en la petrola industrio en Aŭstrujo kaj Rumanujo, li translokiĝis al Meksiko. Li venis al Usono en 1915 por labori en la kompanio Sonneborn, sed post nelonge aliĝis al la brita armeo por servi en la Proksima Oriento.

Post la milito li revenis al la kompanio Sonneborn kaj starigis sciencajn esplor-laborejojn en Nov-Jersio kaj Pensilvanio. Li eltrovis novajn kemiaĵojn, inter kiuj estis la tielnomata "porocel".

D-ro Breth estis bona lingvisto, sed plej ŝatis Esperanton, kaj aktive partoprenis en la movado. Li estis longtempa membro de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko, kaj kelkfoje reprezentis ĝin en Universalaj Kongresoj. En Skandinavujo li renkontis Trygve Lie, tiam Ĝenerala Sekretario de la Unuigitaj Nacioj, kaj veturis kun li en aeroplano al Usono. D-ro Breth rakontis pri interparoloj rilate al Esperanto kun S-ro Lie, dirante ke la Ĝenerala Sekretario simpatiis kun Esperanto. (Vidu AE, Julio-Aŭgusto 1952.)

Ĉiuj Esperantistoj kiuj konis D-ron Breth, sentas grandan perdon pro lia morto. Kaj EANA perdis fervoran, helpan, aktivan kunlaboranton. Ni ĉiuj lin funebras. Nia samideano restu en paco.

## HELPO AL HUNGARUJO

La Centra Oficejo de EANA konstante ricevas leterojn de Hungaraj samideanoj, kiuj travivinte revolucion troviĝas nun en mizera stato, kaj petas nin pri helpo. En Budapest fondiĝis eĉ speciala "Esperanta Help-Komitato", kies tasko estas organizi kaj juste distribui la helpon de eksterlando. Oni sendis al ni liston de samideanoj, kiuj bezonas kaj meritas helpon, kaj petis nin alvoki Usonajn samideanojn helpi al la suferantaj gesamideanoj en Hungarujo.

Ni scias, ke inter ni ne estas multaj kiuj estas en stato sendi grandajn kaj multekostajn pakaĵojn, sed ni ankaŭ forte kredas, ke troviĝos multaj, kiuj sendos malgrandajn "am-pakaĵetojn" por esprimi sian simpation kaj solidarecon kun suferantaj samcelanoj. La malgrandaj pakaĵetoj (Small Packet) povas esti ĝis 2 funtoj pezaj kaj poŝtafranko estas nur ĉirkaŭ 30¢. Detalan informon pri "Small Packet" ĉiu povas ricevi ĉe sia poŝtoficejo. Se iu volos sendi pakaĵeton al Hungarujo, bonvolu skribi al ni pri adresoj.

Ankaŭ la Centra Oficejo akceptas mondonacojn por tiu celo. El malgrandaj sumetoj, kiujn oni sendos al ni, kolektiĝos eble sufiĉa sumo, por ke ni povu sendi al suferantoj medikamentojn aŭ aliajn urĝajn aĵojn.

Ni petas niajn samideanojn, helpu malavare al Hungaraj Esperantistoj, sendante la pakaĵojn rekte al adresoj, kiujn ni disponigos al vi, aŭ per sendo de monkontribuaĵoj por tiu celo al adreso de EANA.



*Frapante per la piedoj laŭ ritmo de tamburo la Indianoj el la tribo* Chippewa *senŝeligas sovaĝan rizon. Ili apogas sin je longa horizontala stango kaj piedpremas la rizon, kiu troviĝas en grandaj siteloj enmetitaj en la tero.*

# LA DANCARTO DE AMERIKAJ INDIANOJ

*Doris T. Connor*

Pri la danco de la Amerikaj Indianoj oni unue ricevas la impreson, ke ĝi estas serio de simplaj saltetoj supren kaj flanken en ritmo, konforme al la monotona sono de batado sur kruda tamburo. Sed post mallonga studo de la stilo kaj tekniko oni baldaŭ konvinkiĝos, ke la paŝoj estas tre variaj kaj ofte tre malfacile fareblaj.

La danco de la Indiano estas individua, en stilo propra al li, kaj estas esprimo de lia karaktero. Multaj verkistoj jam komentis pri la fakto, ke kiam ili studis la dancarton de la Indiano, ili samtempe lernis koni la internan memon de la Indiano, alimaniere tre malfacile koneblan.

La sinteno de la Indiano al sia danco estas rimarkinde serioza. Li uzas la dancon por komunikiĝi kun la Dio de la Indianoj, la tiel nomata "Granda Spirito", aŭ kun la spiritoj de siaj prauloj.

La sinteno de la Indiano al sia danco estas heroeca. Unufoje antaŭ multaj jaroj, kiam la Usona registaro provis subpremi la ceremoniojn de certaj Indianoj, venis respondo de la tribo jene: "Registaro povas sendi trupojn por pafi nin, sed ni ne ĉesos danci".

La sinteno de la Indiano al sia dancado estas respondeca. Nokton post nokto antaŭ iu ceremonio, oni povas aŭdi la bum-bum-bum de tamburoj. Ĉiu paŝo, ĉiu tono, ĉiu sono de la tamburo estas ripetataj diligente por ke ne estu iu ajn eraro aŭ ellaso en ceremonio destinita por honori la spiritojn. Tiel okazas speciale inter la Sud-Usonaj Indianoj, ekz. la *Pueblo* kaj la *Zuni,* kie dancpaŝoj estas tre precizaj.

La Indianoj de la tribo *Sioux* (elparolu *su*) tamen dancas ankaŭ por amuzi sin. Ĉiu dancanto estas unuo en si mem, farante iun ajn paŝon, kiu je la momento plaĉas al li. Antaŭ kelkaj jaroj mi observis ceremonion de la Indianoj *Sioux* kaj *Gros Ventres*(elparolu *gro van*) en la ŝtato Nord-Dakoto, kaj mi rimarkis, ke ĉiu viro dancis ĝuste kiel li deziris. La pli maljunaj tenis sin rekte kaj marŝis kun etaj saltoj. La pli junaj faris plej diversajn komplikajn movojn, frapante per piedpintoj, trapasante tra ringegoj, k.t.p.

Granda aktiveco en la dancado montriĝas nur ĉe la viroj. La danc-



*Indianoj el la tribo Jemez en la ŝtato Nov-Meksiko, dancas la malnovan "Dancon de la Bizono." En antaŭaj tempoj la dancado estis preĝo al la dioj por sukceso en la ĉaso de bizonoj, nun ne plu troveblaj sur la stepo.*

paŝoj de indianaj virinoj estas plejparte paŝetoj, la piedoj apenaŭ levitaj de la tero, la vizaĝo senesprima. Kiam la Indiano dancas li dancas plenlibere, ĉiu movo estas klara, esprimplena kaj natura. Ŝanĝo en ritmo povas esti subita kaj furioza. Foje komentis maljuna Indiano: "Blankulo dancas per kruroj, Indiano per siaj ĉiuj muskoloj". La movoj de la indiana danco estas pli kiel vibrado de la korpo ol kiel movo de la korpomembroj. Tamen oni rimarkas multajn piedmovojn.

Dancado estas esenca parto de preskaŭ ĉiuj ceremonioj en la indiana vivo: geedziĝfestoj, militpreparoj, funebroj, renkontiĝoj, kaj religiaj preĝoj por pluvo aŭ honore al bestaj "totemoj" (spiritgardantoj), k.t.p. Partoprenantoj en la dancado ĉiam ornamas sin per brilaj plumoj, koloraj rubandoj, globetoj, konkoj, k.t.p.

Estas ankoraŭ eble observi la dancojn de la Amerika Indiano, kiam oni vizitas la okcidentajn partojn de Usono. Kvankam la dancado ofte perdas iom de sia simbola signifo, tamen en malgrandaj komunumoj restas tipaj indianaj ceremonioj. Kiel mi diris, mi havis okazon observi tian ceremonion en malgranda indiana vilaĝo nomata *Shell Village* (Konkvilaĝo) en la ŝtato Nord-Dakoto. La tieaj Indianoj estas plejparte el la triboj *Sioux* kaj *Gros Ventres*. Ili celebris la tutusonan feston "Danktago" je la fino de Novembro. Oni ne surpriziĝu pri tio, ĉar la Indianoj partoprenis kune kun la fruaj koloniistoj de Usono en la "Unua Danktago" antaŭ tricent jaroj.

En Shell Village, en malgranda kruda kunvenejo, la Indianoj celebris. Ĉe unu flanko sidis, aŭ verdire kaŭris, la virinoj kaj infanoj. En unu angulo kelkaj maljunuloj praktikis la ceremonion de komuna fumado de pacpipo kun vizitantoj. En grandaj ujoj laŭlonge de unu muro troviĝis grandaj pecoj de pano kaj bolita viando.

Ĉe alia flanko sidis la muzikistoj – tamburistoj, kiuj ankaŭ kantis per altaj falsvoĉoj. De tempo al tempo la viroj iris po unu al la centro

de la halo kaj dancis.

La viroj estis vestitaj per fantaziaj kostumoj – pecoj de brilkoloraj rubandoj ligitaj ĉirkaŭ la zono, ruĝa vakera ĉemizo, plumoj en la haroj, kelkaj peltoj de la kuniklo pendantaj de la zono. Feliĉe, jam delonge forpasis la tempo kiam skalpoj de malamikoj ankaŭ pendis ĉe la zono. Vizaĝoj estis pentritaj en ruĝaj kaj blankaj strioj.

Post iom da tempo oni anoncis la dancon *"Kohomini"*, kiu estas danco por viroj kaj virinoj kune. La virino devas peti viron danci kun ŝi, kaj ŝi tion faras per piedfrapo je la tibio de la elektita viro. La paŝoj de la *Kohomini* estas tre simplaj. La paroj rondiras en granda cirklo, kaj en la centro staras kantistoj, kiuj donas instrukciojn por la diversaj movoj. Mi ankaŭ partoprenis en ĉi tiu danco.

Lastatempe en Usono estas tendenco revivigi kaj kuraĝigi la dancformojn kaj ceremoniojn de la Indianoj, por ke tiuj kutimoj kaj moroj de la indiĝena amerikano ne pereu. Tio estas grava kultura entrepreno, ĉar la dancarto de la Indianoj estas riĉa je kulturaj kaj spiritaj valoroj por ni ĉiuj.

*"Hundodancanto" el la tribo* Hidatsa. *La "Hundoj" estis speco de societo aŭ klubo, militista en karaktero. Ĉi tiu bildo estas gravuraĵo, farita de la svisa pentristo Carl Bodmer en la jaro 1833.*



# ESPERANTA KRONIKO

***Esperanto-Societo de Cikago*** bonŝance havas inter si eminentan Esperantiston el Buenos Aires, Argentino. Li estas *D-ro Maximo Valentinuzzi*, kiu studas nun en la Universitato de Ĉikago. *Doroteo Holland,* sekretario de ESĈ raportas, ke D-ro Valentinuzzi ĉeestis kunvenon la 25-an de januaro, kaj prezentis al la klubo ekzempleron de lernolibro verkita de S-ro Hess el Argentino, kiu ankaŭ sendis sian saluton al la membroj de ESĈ.

***Wilfred E. L. Todd***, emerita lernejestro en Springfield, Massachusetts, daŭre propagandas Esperanton en kaj ekster la lernejoj. Sur sia vizitkarto li presis pri la tri ĉefaj interesoj siaj, nome: Unuigitaj Nacioj, Liberalaj Civitanoj de Mass., kaj Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko. El "The Community News", 16 decembro 1956, organo de la Komunuma Preĝejo, Nov-Jorko, ni legis interesan informon, ke dum S-ro Todd estis lernejestro, li aĉetis belajn bluajn flagojn de la UN por meti apud la Usonaj standardoj en ĉiuj ĉambroj de sia lernejo. Ĉiutage la lernantoj, dum ĵuro de fideleco al la standardo de Usono, metis la dekstran manon ĉe siaj koroj, kiel kutime, kaj tiam metis la maldekstran manon sur la dekstran, dirante: "Mi ankaŭ salutas la flagon de la Unuigitaj Nacioj, de kiu nia lando estas membro, organizo dediĉita al la paco kaj homa bonfarto kun libereco kaj justeco por ĉiuj." Ni salutas S-ron Todd pro la multaj bonaj faroj, inter kiuj estas daŭra subteno de EANA.

***F-ino Mary Marrett***, Elmhurst, L. I., meritas la dankon de ĉiuj membroj de EANA, pro volontula laboro en tempoj de gravaj laboroj en la Centra Oficejo – pri kampanjoj, ktp, per maŝinskribado kaj sekretaria laboro. Profesie F-ino Marrett estas privata sekretariino en grava firmo en Nov-Jorko. Sed ŝi trovas tempon por partopreni en la aktiva agado de la Esperanto-Societo de Nov-Jorko, kaj en aferoj de la tutlanda EANA. Ni deziras sciigi la membrojn pri ŝia konstanta helpo al ili, pere de servoj al nia komuna organizo EANA.

***Pri propaganda laboro de S-ro J.J.Hutchens*** el Canton, Ohio, ni raportis jam en AE, Majo-Junio 1956. Tiam s-ro Hutchens koncentrigis sian atenton je studentoj de lernejoj en kiuj li instruis. Al dekoj da studentoj li disdonis malgrandajn lernolibrojn de Esperanto kaj kune kun *S-ro J.W. Hughmanic* konsilis kaj helpis al tiuj, kiuj studis la lingvon. Nun S-ro Hutchens denove aŭdigis pri sia laboro. En la lokan gazeton "Canton Repository" de 31-a de decembro li metis longan leteron al redaktoro, en kiu li priskribis sian sperton pri lernado de la lingvoj kaj per konvinkaj argumentoj pruvis utilecon kaj praktikecon de Esperanto. En la fino de la artikolo S-ro Hutchens metis la jenan paragrafon en Esperanto: "Ĉu vi deziras lerni Esperanton? Skribu al mi kaj mi respondos al vi. Mi donos al vi donacon". Li promesis nov-jaran donacon al la dek unuaj, kiuj tradukos tiun Esperantan tekston en la anglan lingvon. La rezulto estis surpriza por li, ĉar venis pli ol cent leteroj kun traduko. Al ĉiuj S-ro Hutchens sendis propagandilojn pri Esperanto kaj malgrandan lernolibron. La nomojn de la informpetantoj li sendis al la Centra Oficejo, de kie estis senditaj pluaj propagandaj materialoj.

***La Esperantistoj en Kubo***, nia bonnajbara lando inter insuloj de Okcidentaj Indioj, ĉiam pli kaj pli firmiĝas rilatojn kun EANA. Jam de jaroj ni havas tie kelkajn membrojn, inter ili eminentan pioniron de la movado en Kubo, *D-ron Antonio Alemán Ruiz*. La Kuba Esperanto-Asocio jam en 1955 eksiĝis el UEA kiel Peranto, kaj ankaŭ individuaj membroj grandnombre forlasis UEA. Pro la samaj ideologiaj principoj, pro longjara amikeco inter la du popoloj, pro proksima najbareco, pro viglaj ekonomiaj kaj kulturaj rilatoj, la Kubaj Esperantistoj trovas, ke EANA estas organizo ideologie propra al ili. Krom D-ro Alemán menciindaj estas ankaŭ S-roj *Arturo Gomez* el Manzanilla kaj *Osval Diaz Aguilar* el Habana, kiuj varbis por EANA plurajn abonantojn de AE. En nia gazeto ni esperas malfermi specialan paĝon "Kuba Kroniko", kie estos presitaj informoj pri la lando kaj speciale novaĵoj de Esperanto-vivo. La Kubaj Esperantistoj estas petataj sendi materialojn por tiu paĝo.

***En Quebec, Kanado***, estas sufiĉe granda Esperanto-aktiveco. Dank' al du artikoloj en franc-lingva "L'Action Catholique" (unu en somero de *D-ro W. Solzbacher* kaj alia en aŭtuno de *S-ro Romeo Campbell*) dekoj da personoj el la franc-lingva parto de Kanado petis informon pri Esperanto. Iuj de ili aliĝis al EANA, multaj aĉetis lernolibrojn, kaj el tiuj en la urbo Quebec mem S-roj *R. Campbell* kaj *F. Trudel* organizis kurson. Intervjuo kaj anonco en loka radio varbis pluajn interesulojn. La vendado de lernolibroj kaj vortaroj al ili donas esperon, ke tiu ekinteresiĝo ne estas nur pormomenta, sed serioza.

***Virgil Whanger***, Steubenville, Ohio, sendis al ni interesan eltranĉaĵon el la ĵurnalo "Steubenville Herald-Star", en kiu oni raportas, ke S-ro Whanger ricevis unuan lokon kiel spertisto pri pistolpafado. La artikoleto mencias, ke S-ro Whanger estas longtempa membro de EANA, kaj donas ĝian adreson. Oni ankaŭ dissendis la saman novaĵon almenaŭ trifoje pere de la loka radiostacio. Unufoje la anoncisto ŝerce komentis, ke eble la nomo de la "Esperanto Association" devas esti "Desperado Association" pro la pistolsperteco de S-ro Whanger! Tamen, ni povas anonci, ke "desperado" Whanger jam dum jaroj subtenis EANA kiel Patrono, kaj per kontribuoj al la Subtena Komitato, kiel ankaŭ per speciala propagando de Esperanto en sia ĉirkaŭaĵo.

***La Esperanto-Asocio de Nov-Jersio*** montras viglan aktivecon kaj faras preparojn por la okazonta Kongreso de EANA en Newark. Dum la vintra sezono okazis sukcesaj Esperantaj kursoj en naŭ diversaj Lernejoj por Plenkreskuloj, kaj novaj kursoj nun komenciĝas en pluraj lokoj. Instruistoj de la kursoj estis: *C. Stanley Otto, Faith Hoekstra, David Jagerman, Donald Walton, Connie Davis, Helen Walton, Elsie Yunghans, Amelia Dresdner, Adelaide Smith* kaj *Nicholas Torzs*. Prezidanto *Donald Walton* kaj *Henry Kruse, Jr.*, faris plurajn prelegojn pri Esperanto antaŭ Rotariaj kaj aliaj kluboj; kaj artikoloj pri Esperanto aperis en la ĵurnaloj "Newark Evening News" kaj "Elizabeth Daily Journal". La Asocio kunvenas regule ĉiun unuan vendredon de la monato en la YMCA, Orange, N.J., kaj dissendas al siaj membroj unupaĝan bultenon nomata "La EANJ Skizeto". La Asocio invitas ĉiujn Esperantistojn, kiuj loĝas en ĉirkaŭaĵo de Newark viziti la kunvenojn.

## DEZIRAS KORESPONDI

*Kosto de anonco: Eksterlande, unu vorto aŭ mallongigo por unu cendo (ses vortoj por 1 int. respondkupono); Enlande, unu vorto por du cendoj.*

*Brazilo.* S-ro Raymundo d'Ity, *Itambacury* (Minas). Serĉas korespondanton (-inon) por ekzerci la lingvon.

*Danujo.* S-ro Peder Chr. Gaarde, Ulkeböl Kirke per *Sönderborg.* Deziras interŝ. PM precipe de Finnlando, Islando, Israelo kaj Usono.

*Francujo.* S-ino Gisèle Callard, 15 rue Victorien-Sardou, *Brienon* (Yonne). 46-jara, deziras korespondi.

*Francujo.* S-ino Michaut, *Brienon* (Yonne). 30-jara instruistino dez. kor.

*Hispanujo.* S-ro Manuel Lopez Rodriguez, Plaza Prim, N° 1°, 3" *Barcelona.* Dez. kor. kun ĉiuj landoj.

*Italujo.* Esperanta Grupo Cosenza, Enal Provinciale, Via Adige 35, *Cosenza.* Novaj Esperantistoj volonte korespondos kun alilandanoj.

*Japanujo.* S-ro Jun-Ichi Osumi, 3-3 Chitosecho Sumidaku, *Tokyo.* Juna sinjoro dez. kor. kun usonanoj.

*Japanujo.* S-ro Masaru Miyazaki, Uyama, *Nakamura,* Koĉi-ken. 17-jara deziras korespondi kun usona knabino.

*Jugoslavujo.* S-ino Božena Vaněk, Amruševa 7, *Zagreb.* Dez. koresp.

*Pollando.* S-ro Jerzy Kestowicz, ul. Armii Czerwonej 3, *Świętochłowice.* 21-jara studento deziras korespondi.

*Pollando.* S-ro Józef Wałada, ul. Krasińskiego 21 m. 19, *Wrocław* 2. Deziras korespondi kun samideaninoj en Usono.

*Usono.* S-ro Nathan I. Cupingood, 297 Hawthorne Ave., *Newark,* N. J. 34-jara poŝtoficisto dez. kor. kun personoj en ĉiuj partoj de la mondo, speciale kun tiuj en tre distancaj lokoj. Interesiĝas pri ĉio.

*Usono.* F-ino Molly Pratt, 142½ Watchung Ave., *Upper Montclair,* N. J. Altlerneja studentino, nova Esp-istino dez. kor. kun la tuta mondo.

***Kristana Esperantista Ligo Internacia*** kunligas kristanojn diverseklezianjn kaj diverslandajn. Ĝiaj membroj estas ĉefe en Europo, sed ĝi havas novan kaj kreskantan usonan sekcion, kiu eldonas monatan gazeton en Esperanto. Por senpaga provekzemplero kaj informoj, sendu poŝtkarton al *R. W. Powell, 2223 35th St., Astoria 5, N.Y.*

# POPULAR ESPERANTO BOOKS

***The Central Office is equipped to supply all your book needs. When you buy books from the "Esperanto Book Service" all profits are used to give you a better magazine and office. Place all your orders through the "Esperanto Book Service"***

*PRACTICAL ESPERANTO, Dr. Wm. Benson.* Many use this text for class or self because it is unique with 650 pictures to illustrate rules, affixes, vocabulary, etc. Grammar in English, exercises in Esperanto. 160 pp. illustrated........... $ .25

*REED'S PRACTICAL GRAMMAR, Dr. Ivy K. Reed.* A very complete beginner's text for class or self, with extensive examples, dialog, etc. Offset reprint, a few pages slightly blurred but fully usable. 142 pp. with vocabularies and a complete index. Original price 75¢, reduced to less than half-price.............. .35

*ESPERANTO: THE WORLD INTERLANGUAGE, Connor-Solzbacher-Kao.* The new complete manual of Esperanto. "6-books-in-1": history, textbook, reader, world directory, 2 dictionaries. All in one vol. 245 pp........*Paper* $1.25; *Cloth* 3.00

*NOUVEAU COURS D'ESPERANTO, R. Levin.* Esperanto textbook in French, 16 lessons, with Esperanto-French & French-Espo vocabularies, 175 pp.... .85

*ESPERANTO GRAMMAR & COMMENTARY, Cox.* A detailed and thorough analysis of Esperanto grammar in English, innumerable examples. 371 pp.......*Cloth* 2.00

*ESPERANTO (World Language Series), Prof. Mario A. Pei.* Complete Esperanto chapter from "World's Chief Languages". Gram. survey, vocabularies, etc...... .25

*WORLD'S CHIEF LANGUAGES, Prof. Mario A. Pei.* A guide and survey of languages of entire world, incl. Esperanto. Maps, glossary, index. 663 pp....*Cloth* 6.00

*EDINBURGH DICTIONARY.* Esp-Eng & Eng-Esp. Excellent and complete, in concise form. The very best small dictionary for English speakers. 288 pp....*Cloth* .80

*MILLIDGE ESPERANTO-ENGLISH DICTIONARY.* Latest edition with 2nd, 3rd, 4th, 5th, & 6th "Aldonoj de la Lingva Komitato". Complete, 490 pp........*Cloth* 2.35

*FULCHER & LONG ENGLISH-ESPERANTO DICTIONARY.* Incl. proper names and neologisms. Each meaning listed separately. Complete, 348 pp........*Cloth* 2.25

*PLENA VORTARO DE ESPERANTO, Grosjean-Maupin.* Esp-Esp. The new latest edition, all-Esperanto dictionary with *Suplemento,* 511 pp., 4x5½......*Cloth* 3.25
*Rare,* deluxe printed edition, large format, better paper and binding....*Cloth* 6.00

*FUNDAMENTA KRESTOMATIO, Zamenhof & others.* Authoritative chrestomathy and literary guide. Innumerable model stories, poems, etc. 472 pp..........*Paper* 1.85
Latest edition, with additional foot-notes, etc., de luxe printing,......*Cloth* 2.95

*KARLO, Edmond Privat.* Very popular easy first-reader, used in many classes. Life of Karlo as he grew from boyhood to young manhood and marriage. 43 pp... .25

*THE BIBLE in Esperanto (Sankta Biblio).* The best "Reader". Beautifully printed. Bound in blue, art vellum, 8vo, latest ed. on excel. Bible paper. 996 pp....*Cloth* 2.00

*ESPERANTO SORTIMENTO.* Five books, good reading at low cost: *Akrobato de Nia Sinjorino,* legend of France, 25 pp; *Blanche–Virgulino de Lille,* medieval romance, 42 pp; *Lando de Arĝenta Akvo,* story of Far West, 48 pp; *Miserere,* music story, & *Thais,* by Anatole France (2 bks in 1), 66 pp; *Rozujo Ĉiumiljara,* the miracle of love, 48 pp. Each book 25¢. Entire sortimento for only............ 1.00

*RARE COLLECTION OF 25 ESPERANTO KEYS.* Albana, Angla, Araba, Baska, Ĉeĥa, Dana, Estona, Finna, Flandra, Franca, Germana, Hispana, Hungara, Islanda, Itala, Japana, Malaja, Norvega, Persa, Portugala, Romanĉa, Serba, Slovaka, Sudafrika, Sveda. Contains several rare items. Most complete collection... 2.75

*INDIAN BEAD STAR.* Genuine "Kiowa" work, tiny Indian beads on fine buckskin, round white ground with green star, beautiful rare art piece, 1 1/4" dia., brooch.. .85

*GREEN STAR PENDANT.* Round white ground with green star on both sides of pendant, nickel trim, eyelet & 1 link, for necklace or watch-chain, 1 1/16" dia... .60

*ENAMEL GREEN STAR.* Round white ground, gold trim, 7/16", button or brooch.. .50
On pentagonal white ground, with an E, gold trim, 7/16" dia., button or brooch.. .50
On star-shape ground, with E, white edge, gold trim, 10/16", button or brooch... .50
On round white ground, gold trim, 1/4" dia. (small), with 2" pin, tie-pin only..... .50

*(Members of EANA receive 10% in Book Dividends.)*

**Esperanto Book Service, 114 W. 16 St., New York 11, N. Y.**